

# ESPERANTISTO Slovaka

JARO 1968

ELDONAS KULTURDOMO DE RSM MAŜINFABRIKOJ DE TURIEC
POR SLOVAKA ESPERANTO-INSTITUTO
ADRESO: ESPERANTO POŜTFAKO 80, MARTIN, ĈEĤOSLOVAKIO

N-ro 4

## N i  p o v a s  n u r  r i p e t i

kion ni diris jam plurfoje:
Ni ne estas ia sekto, apartiĝinta de la vivo, socio kaj nacio, sed antaŭ ĉio ni estas anoj de la slovaka kaj ĉeĥa nacioj kaj servas al niaj socialisma patrujo kaj socio. Tial ni firme subtenas niajn gvidantojn ŝtatajn kaj politikajn, reprezentatajn de prezidento L.Svoboda, I-a sekretario de Komunista Partio de Ĉeĥoslovakio A. Dubček, prezidanto de la Registaro Inĝ. Černík kaj prezidanto de la Nacia Asembleo Smrkovský. Ni volas helpi ilin en la plenumo de iliaj gravaj kaj malfacilaj taskoj kaj petas,ke oni tion obligu per permeso fondi memstaran libervolan Esperanto-Federacion, per allaso en la fremdlingvajn disaŭdigojn kaj per apogo kaj sekurigo de nia preso.

## M ô ž e m e  l e n  o p a k o v a ť

čo sme povedali už viacráz:
nie sme nejaká sekta, ktorá sa oddelila od života, spoločnosti a národa, ale predovšetkým sme príslušníci slov. a českého národa a slúžime svojej socialistickej vlasti a spoločnosti.Preto pevne stojíme za našimi štátnymi a politickými vedúcimi, ktorých predstavujú prezident L. Svoboda, I. taj.Komunist. strany Československa A. Dubček,predseda vlády Inž. Černík a predseda Národného zhromaždenia Smrkovský. Chceme im pomáhať v splňovaní vážnych a ťažkých úloh a prosíme, aby sa nám to umožnilo povolením samostatnej dobrovoľnej esperantskej federácie, pripustením do cudzojazyčného vysielania a podporou i zabezpečením našej tlače.

--O--

## V o j o j  d e  I n t e r l i n g v i s t i k o

/N. Danovskij en Internacia Ĵurnalisto I-III.68/.

Rim. de la red.: De nia fidela leganto ni ricevis atentigon kun aldonitaj pruvoj, ke erara estas nia aserto en la antaŭa n-ro de nia bulteno, ke "Occidental ĉe ni vere formortis", ĉar ĝi nur ŝanĝis la nomon je "Interlingue". Ĝiaj adeptoj klopodas sukcesigi sian aferon atakante kaj kalumniante Esperanton. Antaŭ ol dediĉi atenton al iliaj agado kaj kontraŭpropagando, ni volas aperigi la jenon:

" Merkrede, la 28-an de januaro 1968 en la Instituto de Lingvoscio de USSR okazis prelego de nia hungara kolego kaj filologo István Szerdahelyi /iŝtvaan serdaheji/ pri La objektoj kaj limoj de la interlingvistiko. La evento de esperantlingva prelego scienca en Akademia Scienca Instituto estas per si mem tre grava. Sed estas gravaj ankaŭ la levitaj problemoj kaj la okazinta diskuto, en kiu partoprenis aŭtoritataj filologoj E. Bokarev, O. Aĥmanova, V. Grigorjev, M. Isaev kaj aliaj.

La konkluda praktika propono estis formi grupon aŭ sektoron de Interlingvistiko en la sino de Lingvoscienca Instituto en Moskvo. La problemo jam maturiĝis eĉ en lingvosciencaj kadroj ĝis kompreno pri urĝa neceso komenci seriozan sciencan laboron en sferoj de praktikaj agoj, ĉar la internaciiĝo de la scienco unuflanke kaj la revolucia evoluo de transportiloj kaj komunikilaro aliflanke, metas tiun problemon en preferindan lokon. Des pli, ke praktikaj interlingvistoj konstruis, konstruas kaj perfektigas siajn partajn kaj profesiajn internaciajn lingvojn. La neceso koordini praktikajn agojn kaj reciproke interŝanĝi ideojn; la neceso reciproke eluzi la akiritajn spertojn, estas jam nun vojo al ŝparo de tempo, monrimedoj kaj energio.

Oni parolis pri neceso studi kaj evoluigi la teorian efikon de la interlingvistika scienco, historian interlingvistikon, komparan kaj aplikan interlingvistikon, des pli, ke en la lasta sfero ekzistas tiom da gravaj praktikaj problemoj, kiel a/ interlingvistikaj funkcioj de naciaj lingvoj, b/ artefaritaj lingvoj kaj Esperanto speciale, c/ maŝinaj, kalkulaj kaj aliaj pontlingvoj de la nuntempaj elektronaj kalkuliloj, kaj eble certaj pure semiotikaj internaciaj lingvoj.

Kaj, salutante, certe, la turnon de la eventoj, oni devas paralele, aŭ eĉ eble unuavice prikonsideri la sociologian aspekton de la problemo. Ja la ĉefa konkludo pri la praktikeco de la koncerna lingvo estas unuavice la sociologia. Tion pruvas la historio de interlingvistiko.

Volapük mortis pro tio, ke laŭ la sociologia aspekto estis sekurita la primato aŭ domino de aŭtokrata individualismo super la sociaj strebo kaj movoj de la kolektivo, kiu akceptis kaj uzis ĝin kiel sian lingvon.

Ido fiaskis pro tio, ke la sociologia aspekto prefere garantiis primaton aŭ dominan rolon al anarkia individualismo de la adeptoj, kiuj konsideris sin mem aŭtoritatoj super komunaj sociaj movoj de la kolektivo.

Esperanto venkis kaj evoluis spite al ĉiuj baroj, obstakloj kaj mondkataklismoj unuavice, ĉar la sociologiaj fundamentoj de la lingvo estis korespondaj al la sociaj interrilatoj de la nuntempo. Esperanto disvastiĝis kaj sukcese evoluas, ĉar ĝiaj fundamento kaj sociologiaj principoj metitaj en la fundon, estas konkordaj kun la sociaj komunaj streboj, komprenoj kaj movoj de la kolektivo, kiu akceptis kaj uzas la lingvon kiel sian praktikan interkomprenilon.

Tamen Volapük kaj Ido solvis gravajn sciencajn problemojn. Vere ili estis solvitaj per la metodo, kiu en la matematiko estas nomata "Reductio ad absurdum". La unua pruvis plenan eblecon por artefarita lingvo ekzisti, servi al kolektivo da homoj, asekuri interkomprenon de malsamaj nacioj kaj nacianoj. La dua, kiel ankaŭ la unua pruvis, ke sub primato de individuismo la socia fenomeno, kiel lingvo, ĉesas esti socia aĵo, iĝas individua kaj post tio ĉesas esti lingvo.

Esperanto pruvis plenan viveblecon de sociologie ĝuste orientita artefarita lingvo, ĝian kapablon ekzisti, evolui, disvastiĝi, servi almenaŭ amplekse, mezure kaj kvante kiel nacia lingvo al la kolektivo, kaj altiri ĉiam pli kaj pli da adeptoj, grandigante progrese la kolektivon.

Ĝi montris sian eblecon krei propran literaturon inkluzive originalan poezion kaj tiel garantii al si la estonton, ĉar nur surbaze de literaturo ĉiu lingvo kaj inverse - surbaze de la lingvo evoluas la beletro.

Sed bone konsciante la kaŭzojn kaj la bildon de degenero de Volapük kaj Ido, oni tamen ne rajtas moke aŭ malestime rilati al tiuj lingvofenomenoj. Ilia signifo en la historio de Interlingvistiko estas praeminenta. Ido estis grava laboratorio de la lingvo. Ĝiaj serĉadoj kaj gravaj sciencaj esploroj, gvidataj de la altaj celoj: perfektigi Esperanton, venigis al eltrovo de vere Zamenhofaj lingvoelementoj, kiuj postvivas la lingvon mem kaj restis vivokapablaj, eĉ senmortaj, kaj troviĝis tiel en la ĝenerala direkto de Esperanto-evoluo, ke eniris en ĝian trezorejon kiel vere Esperantaj elementoj. Tio koncernas ne sole la akceptitan de Esperanto-Akademio sufikson "end", sed ankaŭ ne akceptitajn, sed vaste uzatajn lingvo-elementojn, kiel prefikso "mis"; tre oportunajn sufiksojn "i" por landnomoj, "oz", "atr", "ojd" kaj aliajn lingvoelementojn. Samtempe la historio montras, ke la tuta "skismo" komence de la XX-a jarcento inter esperantistoj kaj idistoj estis fakte "knabeca batalojdo", ĉar fakte kontraŭ Esperanto kiel ankaŭ kontraŭ Ido armiĝis pli gravaj kaj pli potencaj malamikaj sociologiaj fortoj en formo ĉu de pure analfabeta ignorismo kaj obskurantismo, ĉu en formo de konscia politika malbonvolo.

Kaj ĉi tie kiel ĉefaj prosperfaktoroj elpaŝas en la antaŭan fronton denove sociologiaj faktoroj. Oni devas precipe labori sur la sociologia kampo por sukcesigi la lingvan evoluon.

La historio denove montras, ke eltenis ĉiujn atakojn kaj ofensivojn de malamikaj fortoj, nur kolektivoj da esperantistoj, konsciaj, kapablaj ne nur al instruado de la lingvo, sed kapablaj al literatura laboro, al argumentado kaj venko en disputoj; kapablaj uzi faktojn kaj krei faktojn de antaŭenanta lingvo-praktiko kaj -uzo.

La historio ankaŭ montras, ke la adeptoj de Esperanto kaj Ido kaj eble ankaŭ Interlingva kaj aliaj sistemoj havas pli multe da faktoroj, kiuj ilin unuigas ol disigas. Ja ili ĉiuj estas vokitaj argumenti la ĉefan tezon: la neceson kaj eblon formi konscie, sur scienca bazo, interkomprenilon por diversaj nacioj en la nuna periodo

de la ekzisto de la homa socio.

Certe, estas ankaŭ aliaj taskoj antaŭ la scienca interlingvistiko. Kaj ilia klara kompreno venos kune kun la formiĝo, maturiĝo kaj disfloro de sciencaj kolektivoj lingvistaj kaj filologaj, okupataj pri la solvo de la urĝa problemo: ordigi kaj antaŭenpuŝi la sciencan kaj praktikan ellaboron de rimedoj por interpopola kompreno. Por la nuna mondo kun ĝia sociologia disdivido kaj milito unuflanke kaj paco aliflanke, tio estas precipe urĝa kaj esenca.

--0--

Lenke Kun, Szeged /Hungario/

## T R A V I V A Ĵ O J   E N   E S P E R A N T U J O

Mi ankoraŭ neniam estis en eksterlando, eĉ mi ne estus havinta la eblecon ekkoni multajn diverslandajn amikojn sen Esperanto, kaj vojaĝi eksterlanden estus restinta por mi eterna revo kaj songo. Sed Esperanto helpis min, kio pruvis ĝian gravecon kaj kapablon venki la diverslingvajn malfacilaĵojn trans la landlimo.

Mian unuan eksterlandan vojaĝon helpe de Esperanto mi povas danki al mia kara ĉeĥoslovaka korespond-amiko D-ro V. Nekuda, kiu sendis al mi aliĝilon kaj vekis intereson por Internacia Esperanto-Somero la 7 - 20an de julio 1968 en Piešťany.

La ĉefarangantoj de IES en Piešťany /pjeŝtjani/: Ľudmila Lukáčková, Vladimír Hubinský kaj Eva Gavorová akceptis la alvenintajn gastojn en la stacidomo, de kie ili veturigis nin per aŭtobuso al la kampadejo, kie ni loĝis en 3- kaj 4-litaj lignaj kabanoj. Tiu ĉi arango estis la unua en Piešťany, pro tio estas laŭdindaĵa iniciato kaj senlaca laboro de entuziasmaj esperantistoj. Preterrigardante kelkajn komencajn malfacilaĵojn kaj la malbonan kapricon veteron, la arango bone sukcesis.

La programo estis varia. Ĉiutage antaŭtagmeze okazis kursoj por komencantoj kaj progresintoj, bedaŭrinde la speciala kurso ne okazis pro manko de sufiĉa anaro. La kursgvidantoj estis: Ján Lamačka el Trenčín, gvidanto de la rubriko "Esperanto" en la junulara gazeto "Smena na nedeľu" /Pordimanĉa Skipo/, Jozefo Hanzelka el Ostrava, kiu instruis multajn diversnaciajn popolkantojn en Esperanto; Lýdia Sobĕhartová el Olomouc kaj Paŭlo Rosa el Bratislavo.

Krom la ĉiutaga serioza lernado okazis ankaŭ kulturaj kaj amuzaj programoj. Ekz. tre intima kaj amika estis la kantado, ŝercado, deklamado ĉirkaŭ la bivaka fajro, kio pruvis la esperantistan amikecon. La humoro estis bonega. Ne ekzistis germanoj, poloj, bulgaroj, rusoj, hungaroj, ĉeĥoj kaj slovakoj, nur bonaj amikoj.

Okazis veturado per promena ŝipo sur la rivero Váh /vaah/ inter belega ĉirkaŭaĵo. Ni ekskursis per vagonaro al Trenčín, kie ni vizitis la romantikan kastelruinon. Ni vagadis en la arbaro ĝis la Ruĝa Turo, kie troviĝas fama vinejo por turistoj, kaj de kies pinto oni povas trarigardi la tutan urbon Piešťany. Ni ekskursis al la Vilao Bakĥus, kie ni gustumis fortan specialan vinon. Per aŭtobuso ni veturis al la Forno de Diablo: gastejo-vinejo, situanta en la mezo de arbaro 13 km for de Piešťany, kie ni kantis Esperantajn kantojn. Kelkaj kursanoj, naturamikoj, anstataŭ trinki kaj kanti, vagadis zig-zage en la arbaro kaj trovis la veran fornon de diablo, pri kiu estis nomita la gastejo. Ĝi estas roko, similanta al forno, en kiu oni povas trovi spurojn de fajro. Ni vizitis eĉ operprezentadon de Tosca en la ĝardeno de la hotelo Slovan. Estis arangita ankaŭ kulturvespero, en kies kadro okazis lotumado inter la partoprenantoj. Kiu havis feliĉon, gajnis senpagan restadon en IES. Valora estis la vizito en la fabriko de Chirana /ĥirana/ kie estas fabrikataj modernaj medicinaj instrumentoj. En la entreprena kinejo ni vidis Esperantan filmon: Renkontiĝo kun Fiat.

Ni havis la feliĉon aŭskulti tre valorajn, altnivelajn prelegojn. D-ro Ludoviko Izák, redaktoro de "Informoj" kaj Esperantisto Slovaka el Martin prelegis pri la Esperanta preso kaj pri La ĝusta prononcado en Esperanto. Inĝ. Ivan Slávik el Dubnica prelegis pri Generalo Milan Rastislav Štefánik, pri Esperantistaj speroj en Moskvo kaj "Ĉu ekzistos libroj en la XXI-a jarcento?"

Menciindaj estas ankoraŭ la valoraj alparoloj, opinioj kaj diskutoj de Paŭlo Rosa el Bratislavo, kunaŭtoro de bona Esperanta lernolibro por slovakoj. Li prelegis pri Esperanta literaturo kaj pri la historio de Esperanto-movado, por progresintoj. Li prezentis multajn specimenojn el poemoj, kongresaj paroladoj k.s., por fari la prelegojn pli viglaj. Tiel ni havis la eblecon riĉigi nian Esperanto-scion.

En la lasta tago estis arangita adiaŭa vespero en la belega halo de Palaco Termia, kun mallonga kultura programo. Do alvenis la lastaj manpremoj, la lastaj subskriboj por memoro. Eble kelkaj larmgutoj brilis sekrete. Sed ni ne adiaŭas poreterne

Ni esperas, ke la Piešťany-aj esperantistoj venontjare denove aranĝos Internacian Esperanto-Someron, kie oni havos eblecon renkontiĝi kun malnovaj bonaj amikoj.

Post la fino de IES miaj travivaĵoj en Esperantujo ne finiĝis. Mia korespondamiko D-ro Nekuda zorgis pri tio. Reveturinte el Parizo kun sia edzino kaj traveturante Piešťany-n, ni renkontiĝis sur la landvojo. Li veturigis min al Piesok, kie ili loĝas. Ni vizitis la urbojn Brezno, Banská Bystrica kaj faris rondvojaĝon en Malaltaj Tatroj. Neforgeseblaj momentoj! Tre interesa estis nia vizito ĉe malnova esperantisto Ondrej Baran en la vilaĝo Valkovňa.

Post unumonata restado en Ĉeĥoslovakio mi reveturis hejmen kun riĉaj neforgeseblaj travivaĵoj kaj rememoroj, kiujn havigis al mi la Internacia Lingvo.

--0--

Renkontiĝo de esperantistoj el la Váh-valo okazis la 22-23an de junio 1968. Kvankam partoprenis nur 30 gesamideanoj kaj mankis tiuj el la urbo kaj ĉirkaŭaĵo, tamen ĝi estas signifoplena, ĉar ĝi okazis en Domo de Kantĥoro de Slovakaj Instruistoj, en la mondfama banurbo Trenčianske Teplice. La menciita institucio en la jaro 1931 eldonis la Gramatikon kaj Vortaron Slovakan-Esperantan el la plumo de nia karmemora pioniro Ján Valašťan Dolinský. El la dutaga programo mi povis ĉeesti nur la dimanĉan, dum kiuj prelegis D-ro E. Sahliger el Prievidza pri la ĝusta metodo de lernado de Esperanto, kaj Ing. Ivan Slávik el Dubnica pri astronomiisto kaj generalo M.R.Štefánik, kaj pri sia vizito en Sovetunio, precipe en Moskvo, kie lin akceptis kaj lian programon aranĝis la sekretrio de la centro de Medicinaj laborantoj. Sian prelegon li buntigis per projekciado de diapozitivoj. Ĉar la vetero estis favora, oni daŭrigis la diskutojn sur la teraso de la Domo de Kantĥoro. Eliz

La Somera Esperanto-Seminario en Prievidza la 4-18an de aŭgusto sukcesis bone! Aliĝis 120 personoj. Instruistoj estis s-ino Dávid el Budapeŝto, s-ano Kiss el Bratislavo, D-ro Sahliger el Prievidza kaj E. Váňa el Dudince. Tuj ĉe la komenco estis agrable surprizitaj 4 gesamideanoj, kiuj solenis la saman tagon siajn naskiĝfestojn, do ili estis regalitaj.- Entuziasme bonvenigis ĉiujn partoprenantojn la direktoro de la Kultur-domo, poste sekvis la unua instruhoro. Okazis 4 klasoj: A, A-1 por komencantoj, B por progresintoj, C konversacia. Instruado ekde la 8. ĝis la 12.30 horo, posttagmeze ekskursoj kun vizito al la zoologia ĝardeno, kastelo, muzeo, minejo ktp. ankaŭ banado, sportoj, vespere kulturaj programoj, teatreto, kantado. Okazis karnavalo kun masko-balo, kaj adiaŭa vespero. Kortuŝa estis la vespero, kiun partoprenis la reprezentantoj de la distrikta kaj urba oficejoj kaj kulturaj instancoj. Ili per ardaj vortoj rekonis la kulturan kaj packrean valoron de Esperanto. En la nomo de la geinstruistoj parolis s-ano Ernesto Váňa. E.V.

Esperanto-klubo ĉe Domo de Sindikatoj en Žilina ankaŭ ĉi-jare okaziĝis kursojn de Esperanto por komencantoj: unu ĉe la Domo de Sindikatoj kaj unu ĉe la Mezlernejo. 25 finis la kurson kun bona rezulto kaj kelkaj aniĝis al la klubo. Partopreno de la klubanoj: Piešťany-Bezovec 8, Prievidza "tritaga seminario/ 4, Čantorio /monto en la Moraviaj Beskidoj/ 10, en Trenčianske Teplice 9. La klubo nombras nun 50 membrojn, kies adresojn ni sendis al la Junulara Sekcio en Prago por la preparata listo de esperantistoj, samtempe ankaŭ al Konsultiĝa Komisio por Esperanto ĉe Kleriga Instituto en Bratislavo. La adresojn de gejunuloj ni sendis al la Slovakia reprezentanto de la Junulara Sekcio, s-ano Holba.. En majo ni okaziĝis eksterordinaran kluban kunvenon por pridiskuti la enketon rilate la fondon de memstara Esperanto-Federacio. Du el ni sendis tradukon de prospektoj al s-ano E. Váňa por aperigi ilin en la gazeto Smer: s-ino Gabaríková /pri Dolný Kubín/ kaj M. Závodský /pri Žilina/. Ĉe Domo de Sindikatoj ekzistas Konsulta Centro por Esperanto.Krome funkcias 4-membra distrikta konsulta komitato /Závodský, Gabaríková, Révay, Ing. Perény/.3 el ni estas membroj de Fervojista Sekcio kaj 1 s-anino,de Medicina Sekcio.Parko de Kulturo kaj Ripozo,kunlabore kun Muzeo de Váh-valo aranĝis 20-horan instrukciadon por turismaj gvidantoj diverslingvaj. Esperantistoj povas peti la servon de s. Gabaríková, Ing, Nemec kaj M. Závodský ĉe la trafikoficejo Čedok, en ĉiuj hoteloj kaj ĉe Informa Centro de PKO.Pro manko de Esperanto-kantareto, la klubo intencas eldoni - helpe de Domo de Kulturo - kun nototekstoj resp. muziknotoj./Rim.de la red.: afero bone preparenda!/

Základy esperanta od Ed.V.Tvarožka - situácia: podarilo sa nám umiestniť toľko ex., že účet za vyhotovenie, ktorý pri malom náklade je vysoký, sme už mohli vyrovnať. Nemáme teda už dlh, no do vydania Cvičebnice J.V. Dolinského sa ešte nemôžeme odvážiť, lebo nemáme finančné zaokrytie. Žiadame preto najmä esperantské krúžky, aby pochopili význam vydania učebnice a vyžiadali si od nás množstvo,potrebné pre kurzistov. Pomôžte nám, pomôžete i sebe a spoločnej veci!

# M E D I C I N A J P A Ĝ O J

Jarkunveno de Medicina Sekcio de Ĉeĥoslovaka Esperanto-Komitato /dua publika kunveno/ okazis la 29-an de junio 1968 en la klubejo de la Fervojstacio en la banloko Poděbrady, proksimume je 50 km de Prago, la ĉefurbo de la Respubliko. Bedaŭrinde partoprenis ĝin nur 7 gemedicinistoj: D-ro Jozefo Černý el Most, D-ro Jozefo Hradil el Český Dub, D-ro Ludoviko Izák el Martin /Slovakio/, s-rino A. Chourová el Vrchlabí, D-ro Antonio Mužík el Kladno, s-rino A. Musilová el Poděbrady kaj Frederiko Dryák el Prago. Por mallonga tempo vizitis nin Arĥ.Drlík,prez. de Esperanto-klubo en Prago. Kvankam la aliĝintaj eksterlandanoj ne alvenis, tamen mirigis kaj certagrade ankaŭ seniluziigis nin la malĉeesto de la enlandaj gemedicinistoj, kiuj ne sendis eĉ saluton. Instigan leteron kun saluto sendis D-ro Viktoro Poltirov el Ivanovo USSR, Doc. D-ro Vaitilaviĉius el Vilnius USSR kun subskriboj de 20 partoprenintoj de la Ĉebalta Esperanto-Tendaro. Per telegramo salutis D-ro I. Ferenczy /Hungario/, per leteroj s-anoj Benjameno Vek /Benátky/ kaj Jaroslav Žák /Havlíčkův Brod/.

Ĉar s-ano Jozefo Ambrož, nia prezidanto,el Brno, ankaŭ malĉeestis, la partoprenintojn bonvenigis kaj la jarkunvenon gvidis la vicprezidanto D-ro Izák. Li raportis pri la agado kaj financa mastrumado laŭ la ciferoj liveritaj de la sekretario. La agado konsistis el kolektado de en- kaj eksterlandaj adresoj de gemedicinistoj, de instigado al kunlaboro kun ni kaj en la kadro de la naciaj Esperanto-organizaĵoj. Krom tio ni eldonadis Medicinajn Paĝojn, internan aldonon de Esperanto-Agado resp. Esperantisto Slovaka en Martin, kaj Medicinajn Novaĵojn en Český Dub. La unuan informilon redaktis D-ro Ludoviko Izák, la duan nia sekretario D-ro Jozefo Hradil.

En la faka parto ni aŭdis la prelegojn kaj raportojn de D-ro Jozefo Černý, s-rino Anna Musilová kaj s-rino Anna Chourová. D-ro Izák tralegis la esperantigitan prelegon de D-ro Meško, asistanto de ginekologia kliko en Martin. La prelegojn ni sinsekve aperigos en la Medicinaj novaĵoj.

En la diskuto, tre vigla kaj enhavoriĉa, ni pritraktis multe da problemoj de la moderna medicino; ĉi-okaze precipe meritiĝis D-ro Jozefo Černý.

Nia jarkunveno okazis en la kadro de la tradicia Internacia Ŝakturniro, aranĝata fare de Esperanto-klubo ĉe Ŝtataj banejoj en Poděbrady;nunjare ĝi estis jubilea.

Aldono: nia sekretario D-ro J.Hradil anoncas, ke post la jarkunveno plurajn leterojn kun salutoj sendis kolegoj Malofejev I.A., el Kutaisi, USSR; G. Guidi,Italio; E. Löwe, Leipzig, GDR; Augusteno Césare Anjo el Viseu en Portugalio; D-ro T. Dropiowski el Krakovo en Pollando /li promesis sendi resumojn pri pediatriaj temoj/; Kaltenis Petras el Vilnius USSR /promesanta sendi raportojn el litova medicinista gazetaro/. Nian sekretarion persone vizitis D-ro Pierre Berlot el Mont Saint Aignan el Francio kaj interesiĝis pri nia laboro.

Niaj plej fervoraj varbantoj /krom la vicprezidanto kaj sekretario/ D-ro Dropiowski, Doc. Vaitilaviĉius kaj D-ro Poltirov. D-ro Hradil provis ekinteresigi pri niaj bultenoj kaj laboro D-ro Albaut kaj Profesoron Salnikov - ne venis respondo.

Finance subtenis nin en 1968: D-ro Mužík Kčs 40.-, Ph.Mr. Plaňanská Kčs 35.-, s-rinoj Musilová 20.-, Vejvodová 25.-, Buřilová 10.- Kremerová 25.-, Chourová 20.-, s-anoj St. Bartovic 8.-, D-ro Nepil 25.-, D-ro Nekda 20.- kaj D-ro Wiersbitzky el GDR Kčs 150.- Plej koran dankon al ĉiuj!

ATENTU! D-ro Jozefo Černý - nia plej fervora kunlaboranto malsaniĝis je korinfarkto kaj kuŝas en hospitalo. Lia nuna adreso estas: D-ro Jozefo Černý, Nemocnice, interní odd. I/6 OPOČNO u Náchoda, ČSSR.Por via saluto vi helpos al lia resaniĝo!!!

A n o n c o j:

T r i l e v Petro Iliev, Str. Rodopi 47, PLOVDIV, Bulgario - deziras korespondi kun rentgen-laboratoriistoj.

K a l t e n i Petras, Autakalnio 123-17, VILNIUS, Litova SSR,USSR, infankuracisto-kardiologo volus korespondi kun alilandaj infankuracistoj.

R e i n e r Alfred, Poet Neculuta 33, BUCUREŞTI, Rumanio, deziras korespondi pri historio de medicino.

S i g a N.I., Kirova 47, kv. 11, ODESSA, USSR, bezonas kontakton kun kolego, kiu povus konsili kuracadon de lia malsana nepino /blindeco post encefalito,epilepsio/. Li estas sperta esperantisto kaj meritplena samideano, kiu gvidis jam multajn kursojn en sanatorio por daure malsanaj infanoj en Odessa.Kontaktu lin afable senpere.

S k o r u p s k a Romana, Ul. Kopernika 18/3, ŁÓDŹ, Pollando, 27-jara,malsana je "sclerosis multiplex" ekde 1960, petas konsilon pri plej efika kuracado.

Esperantisto Slovaka 1968/4 , Esperanto, poŝtfako 80, MARTIN, ĈSSR

S K R I B A S : D-rino J A R N U S Z K I E W I C Z el Krakovo /Poll./, 7.8.68.

"Mi ricevis la paketon de la Bulteno, sendita de vi. Kun granda intereso mi tralegis la artikoletojn kaj leterojn, publikigitajn sur "Medicinaj Paĝoj". Dum la lasta kunveno de nia Krakova Grupo de medicinistoj mi prezentis la 2 lastajn bultenojn, kiujn mi ricevis de Vi kaj instigis D-rinon Jaskolska-n, ke ŝi sendu mallongajn sciigojn pri la referitaj de ŝi "novaĵoj". Nia Krakova Grupo kunvenadas ĉiumonate kaj estas prezentataj referatoj, preskaŭ ĉiuj kompilitaj el diversaj artikoloj. Mi mem tre ofte faras prelegojn kaj mi povos sendi al vi miajn prelegojn. Sed ili ne taŭgas por Medicinaj Paĝoj, ĉar ili estas tro longaj. La elbuŝigo daŭras 1 kaj 1/2-horon. Do ili taŭgas nur por prezenti ilin dum kunvenoj. La temoj ne estas speciale nur por fakuloj, ĉar niajn kunvenojn tre volonte ĉeestas ankaŭ aliaj klubanoj por aŭskulti ion interesan esperantlingve. Estas tiam okazo por ekkoni esprimojn ne ĉiutage uzatajn kaj tiamaniere la vorttrezoro pliriĉiĝas... En la lasta n-ro /1968/ de Medicina Internacia Revuo /eldonata en Japanio - rim. de la red./ estas priskribita Via agado". /Rim. de la red.: la samtempe avizitaj Raporto por Jarkunveno de UMEA en Madrid kaj la Raporto de D-ro Salnikov dum la jarkunveno, ne estis almetitaj en la letero/.

Finante sian leteron D-rino Jarnuszkiewicz plendas pro la fakto, ke ni medicinistoj estas dissemitaj kaj restas por ni nur perletera kontakto, kiu ne povas esti ofta, ĉar korespondado rabas tempon kaj emon al skribado.

S K R I B I S ankaŭ D-rino J U S T Y N A J A S K O L S K A :

"Revenante el libertempo mi trovis vian karteton. Mi penas prepari ion por nia leterkesto. En Krakovo ekzistas Medicinista Esperantista Grupo, nombranta 30 personojn, el kiuj kelkaj partoprenadas niajn ĉiumonatajn kunvenojn. Ĝi formas la sekcion de la Krakova Filio. En Pollando ekzistas Landa Filio de UMEA. Mi estas ĝia sekretariino. La Medicinaj Paĝoj estas por mi tre ŝatata eldono. Mi tralegis la tre interesan artikolon pri Eŭtanazio kaj aliajn, ekz. pri fumado /ambaŭ aperis en Medicinaj Novaĵoj, kiujn redaktas D-ro Hradil, ĉar kiel ni jam skribis, nia bulteno volas resti nur informilo, ligilo kaj aperigados nur popularigajn resumojn, dum la fakajn artikolojn resp. resuomojn ĝi cedas al D-ro Hradil por Medicinaj Novaĵoj/.

Justyna Jaskolska:

La sendormeco estas kaŭzita de ekscito de la cerboŝelo

pro 1. Satdormo dum la tago. 2. Trouzo de kafo aŭ teo. 3. Kvereloj, konfliktoj en la medio, kiuj malfaciligas la ekdormon. 4. Tro malfrua vespermanĝo. 5. Malsato aŭ nesufiĉo da manĝaĵo, kio kaŭzas mankon de sukero en la sango. 6. Malpureco de la korpo, littolaĵo, aŭ malfreŝa aero. 7. Manko de promenado antaŭ la nokto, kio kaŭzas nesuficon de oksigeno en la sango.

Oni rekomendas: 1. dormadi dum la tago tre mallonge, eĉ nur kelkajn minutojn. 2. ĉesigi la kverelojn antaŭ la nokto, repaciĝi en ŝia medio. 3. persiste konservadi la higienon de la korpo kaj ĉirkaŭaĵo. 4. la nesufiĉon en la sango forigi, manĝante du italajn nuksojn.

Justyna Jaskolska:

D I A B E T O - S O C I A M O R B O

Diabeto estas hodiaŭ konsiderata morbo socia. En la tuta mondo oni notas maltrankviligan kreskon de la malsaniĝoj. Ĝin suferas 1,5%-oj de la tuta socio. Ĉe la 60-jaruloj la procento atingas 5-6. Ĉi tiu malsano aperadas plej ofte ĉe la urba loĝantaro. La nombron de la diabetmalsanuloj en Pollando oni kalkulas je 300 000 /ĉe pli od 30-miliona loĝantaro - rim. de la red./. En Rabka, en la sanatorio Orzel III, estas kuracataj diabetmalsanaj infanoj. En la kadro de la instruado ili estas gvidataj al ĉiutaga memkontrolo de la malsano. Ili plenigas kajerojn de memkontrolo, esploradas la urinon kaj preparas la injektojn de insulino.

ELUZU NIAN BULTENON POR VIA SENPAGA ANONCO! Kontaktu per Internacia Lingvo alilandajn gekolegojn, interŝanĝu Esp. vizitojn, prelegojn, artikolojn: ekkonu la medicinistan mondon esperantistan! Helpu antaŭenpuŝi nia aferon!

N I A E N K E T O - K I E L K U R A C I ?????????

Skribu afable pri kuracadmetodoj, kiujn vi opinias plej taŭgaj kaj nekutimaj en aliaj landoj. Priskribu, kiel vi kuracas pacientojn kiuj suferas pro arteriosklerozo, dissemita sklerozo, stomaka ulcero ktp. Faru niajn bultenojn pli allogaj kaj interesaj. Sufiĉas mallonga praktika konsilo, povanta esti sekvinda en alia lando!

OKSM 616/68 1524-1533

ĜUSTE KAJ TRAFE DIRITE laŭ la Plena Vortaro de Esperanto /II-a eldono/

Bati /daŭrigo!/ 3./tr/. Punbati, punfrapi... Puno: 1. Ago de batanto aŭ rezulto de la ago - ricevi batojn; doni al iu la baton de morto. 2. Subita kaj forta ago, kiu malutilas aŭ doloras al iu, difektas aŭ ruinigas ion: Bato de la sorto /sortobato - rim. de la red./. Batado: ago bati ripete. La interbatado longe daŭris. Batado de tapiŝo. Batado de la lakto produktas buteron. Debati, forbati: bati por forigi. Debati la kapojn de la papavoj. Neniaj mokoj debatos nin de nia vojo. Disbati. Bati por disigi. Disbati muron. El la tero disbatita de la piedoj fariĝis marĉo. Li revenis disbatita ne nur korpe, sed ankaŭ anime. Ĉiuj liaj revoj estis krude disbatitaj. Disbati la argumentojn de iu. Lia spirito estis disbatita per kontraŭaj pasioj. Elbati: eligi batante. Elbati fajron el ŝtono. Enbati: pene klopodi por enigi. Enbati najlon en la muron. Malpuraj malsekaĵoj sin kolektis en la enbataĵoj de piedoj kaj hufoj. Enbati ideon en la kapon de iu. Kunbati: interfrapi. Kunbati la dentojn. Rebati: trafe kontraŭagi, kontraŭmeti. Rebati ekbaton, argumenton. Mi povus facile per malmulte da vortoj rebati tiujn atakojn. Trabati: bati por trairi. Trabati al si la vojon en la neĝo, en homamaso. Mortbati. Ĝismorte bati.

Batali /ntr/. 1. Peni por venki iun atakante aŭ defendante, precipe en milito. La armeo kuraĝe batalis. La knaboj kuraĝe interbatalis per neĝkugloj. Li fervore batalis kaj venkis en la sporta konkuro. 2. Peni por superi aŭ forigi kontraŭaĵon: ni devis batali kontraŭ grandaj malfacilaĵoj. Li batalis kontraŭ kortuŝiĝo. 3. Ataki aŭ defendi per spiritaj armiloj: oni povas batali kontraŭ tio per fortaj argumentoj. Batali por triumfigi siajn ideojn. Batalo: ago de batalanto. La batalo apud Solferino. Estas en mi batalado inter du sentoj. La batalo pri la ekzistado, pri la vivo. Batalema: Inklina batali. Batalilo: ilo, kiu servas por batali, armilo.

Bazo. 1. Malsupra subportanta parto de objekto: bazo de turo, de vazo, de statuo, de monto, de triangulo, de vegetaĵo. Arĝentajn bazojn li faris sub la tabulojn. El malnova bazo novaj plantidoj kreskas. 2. Esenca, fundamenta principo: bazo de teorio. La justeco estas la bazo de socio. Volo, laboro, obstino estas bazoj de sukceso. 3. Substanco, kiu naskas salon per kombiniĝado kun acido. Bazi /tr/., surbazigi: apogi sur, fundamenti sur, doni kiel bazon al io. Bazi konstruon sur la roko. Bazi sian opinion, rifuzon sur io. Sin bazi sur la kutimo. Por li la tuta vivo estas bazita sur monprofito. Tiu regulo estas bazita sur praktikaj konsideroj. Baziĝi /ntr/.: havi kiel bazon. La turo baziĝas sur dika masonaĵo. Nia metodo baziĝas sur la praktiko. Senbaza: al kio mankas bazo. Senbazaj teorioj, praktikoj.

Bedaŭri /tr/. 1. Ĉagrene senti la perdon de iu aŭ io. Bedaŭri la mortintan patrinon, la forpasintan junecon. Nia bedaŭrata prezidanto. 2. Esti malkontenta pro ia faro aŭ manko: mi bedaŭras mian severecon. Bedaŭri la malŝparitan tempon. Mi bedaŭras, ke mi vin ĉagrenas; ke mi ne povas vin viziti. Bedaŭre: kun bedaŭro, bedaŭrante. Mi bedaŭre eksciis la morton; lian morton. Mi bedaŭre havis neniun monon. Bedaŭrinde: laŭ bedaŭrinda maniero; domaĝe. Bedaŭrinde mi ne povos veni.

Beko. Antaŭa pinta korna ekstremaĵo de la buŝo de la birdoj. 2. Bekosimila ekstremaĵo de kelkaj objektoj. Beko de skribplumo, gasbeko /flambeko, flamingo, brulilo/. Beki: 1./tr/.: piki per beko. Beki grajnojn, la trunketojn de la herboj. Kunbekiĝi: 1. Sin reciproke piki per beko. 2. Interkvereli. Ĉapobeko: elstara antaŭa aĵo de ĉapo, ŝirmanta la okulojn; viziero. Flavbekulo: juna sensperta ulaĉo.

Bela: plaĉanta al vido, aŭdo, spirito. Bela infano, vazo, kanto, animo, ago. La belaĵoj de la naturo. Studoj pri la belaĵo en arto. Beleta: iom bela, pli plaĉa ol konforma al la reguloj de beleco. Belega, superbela: ekstreme bela, precipe spirite kaj morale, noble impone bela.

Bezoni /tr/.: 1. suferi pro manko de io necesa, kion oni ne posedas. Bezoni monon, ripozon; bezoni ripozi, iri, trinki. 2. esti en stato, kiu postulas ion kiel necesan, laŭcelan aŭ utilan. Ni antaŭ ĉio bezonas plej severan unuecon. La klasikaj verkistoj ofte bezonas komentariojn. Pri tio ni ne bezonas paroli. Ni ne bezonas aldoni sufikson. Ni ne bezonas timi, ke oni ilin reciproke konfuzos. Ni ne bezonas decidi, ke oni uzu ekskluzive nur la nominativon. Tio bezonigas multe da tempo. Bezono: 1. Sufero pro manko de io necesa. Bezono leĝon ne obeas. Bezono estas plej forta ordono. 2. Tio, pro kies manko oni suferas: havi grandajn, malmultajn, moderajn bezonojn. 3. Stato, kiu postulas ion, kiel necesan, laŭcelan aŭ utilan. Klareco estas bezono de normala spirito. En okazo de bezono. Sen bezono. Bezona: bezonata, mankanta, sed necesa. Por vino bona ŝildo /reklamo/ ne bezona. Kvin jaroj estis

bezonaj por venki ilin. Bezonaĵo: bezono. Senbezona: nebezonata, nenecesa. Senbezona radiko. Tio ĉi estas senbezona timo. Tio ĉi senbezone ligus nin. Malpermesi la uzadon de tiu ĉi formo estas tute senbezone.

Bieno: 1. Kampara terposedaĵo. 2. Propraĵo. La internacia lingvo neniel uzurpas la bienon de la naciaj lingvoj.

Bilardo. 1. Tabela ludo, ludata per eburaj globoj sur tablo tegita per drapo. 2. Tiu tablo mem.

Bildo: 1. Videbla aspekto de la objektoj. Tiu montara pejzaĝo prezentas plej plaĉan bildon. 2. Videbla aspekto de objekto resendata de akvo aŭ spegulo. Rigardi sian bildon en spegulo. La rivero spegulas la bildon de la luno. 3. Videbla aspekto de objekto reprezentata per desegno, pentrado, skulptado. Libro kun belaj bildoj. 4. Tio, kio similas, imitas, simbolas. Al li naskiĝis filo laŭ lia bildo kaj simileco. Li estas la vivanta bildo de sia patro. Tiuj mildaj kamparaj ludoj estas la bildo mem de la paco. Rakonti ion klarbilde /plastike/. 5. Reprezentaĵo de la objekto en la imago: Mi ĉiam revidas en spirito la bildon de tiu terura tago. Mi bildigis al mi lian plezuron. 6. Metaforo. Bildoplena stilo.

Bindi /tr/. Kunkudri la foliojn de libro kaj surmeti sur ilin rigidan kovrilon. Bindaĵo = librokovrilo.

Bileto. Surskribita paperfolieto, kiu rajtigas por eniro, partopreno,ricevota mono. Fervoja, teatra, loteria bileto. Bankbileto.

Birdo. Dupieda, flugilhava, ovnaska vertebrulo, kovrita per plumoj. Ĝi estas ankoraŭ birdo sur la tegmento /neefektivigita revo/. 2. Ridinde afekta homo: bela birdo /dando/!

Biskvito.1. Speco de pano aŭ de kuko, dufoje aŭ longe bakita, ĝis plena sekeco: soldata biskvito. 2. Senglazura porcelano aŭ fajenco: statueto el biskvito.

Bivako. Kampa haltejo sub libera ĉielo. Bivaki /ntr/. Stari bivake: bivaki sur la kampo.

Blanka. Havanta koloron de neĝo, eburo aŭ lakto. Blanko: blanka koloro aŭ kolorilo. Blankaĵo: io blanka. Vestita en grizaĵo kaj blankaĵo. Ovblankaĵo /senkolora blankiĝanta per kuirado, albumina parto de ovo/. Blanketa: dube blanka, duonblanka. Blankigi: fari ion blanka. Nigran kornikon sapo ne blankigos. Blankigi muron. Blankigi kanabtolon ĉe suno. De zorgoj blankiĝas la haroj. Blankulo: homo el blankkolora raso.

Blinda. 1. Senigita je vidkapablo. Li estas blinda de sia naskiĝo. 2. Perdinta la kapablon ĝuste kaj kritike juĝi. La amo kaj la kolero estas blindaj. Blinda imitado, obeado. Blinda konfido kondukas al perfido. Blinde: 1. Kiel blindulo. 2. sendistinge, senkritike, trafe-maltrafe. Blinde kredi, sin ĵeti blinde antaŭ la danĝeron. La stilo Esperanta ne imitas la stilon de aliaj lingvoj. Blinde pafi, eble trafi. Blindigi: 1. senigi momente aŭ definitive je la vidkapablo. La eksplodo blindigis laboriston. Rekte rigardi la sunon blindigas. 2. konfuzi la juĝkapablon, senigi je sagaco. Senigita je pasio, de rutino, de siaj teorioj.

Bloko. Peza, unupeca maso da materio /ligno, ŝtono, teksaĵo kc./. Bloki:1.Bari per ŝtonoj /blokoj/. 2. Blokadi. Rulbloko: ilo por levi aŭ mallevi pejzaĵon kiu konsistas el rado turniĝanta sur akso ĉirkaŭkavigita por glitigi ŝnuron.

Blovi. 1./ntr/.: puŝi, ekmovi la aeron iamaniere. La vento blovas. Blovi sur la varman supon, sur la fajron por ĝin eksciti; en fluton, per trumpeto, per la korno de ribelo. 2 /tr/. Puŝi la aeron sur aŭ en ion: Blovi la supon, teon, trumpeton.Tiu espero blovas freŝan forton en niajn brustojn. Reblovi en iun la fajron de l venĝemo. Blovo, blovado: puŝo de aero. Nega blovado /nega ventego/. Blovaĵo: la aero,spiraĵo, odoro, kiu estas aligata aŭ alportata de la blovado. Blovilo: speciala ilo por blovi. Ŝi revigligis la fajron per blovilo. Disblovi, forblovi: forigi ion per blovo. La vento forblovis la nubojn; mian ĉapelon. Disblovi la iluziojn de iu. Trablovo: fluo da aero, kiu trairas ejon aŭ lokon de iu flanko al alia kontraŭa. Plenblovi /tr/.: ŝveligi, pufigi per blovo. Plenblovi sapan vezikon. Plenblovita velo. Plenblovi la lipojn /malŝate/. Plenblovi sin de malhumileco. Spirblovi /ntr/ blovi elspirante. Bloveksciti /tr/: Eksciti blovante. Bloveksciti fajron. Blovestingi /tr/.: estingi blovante. Blovestingi kandelon.

Blua. Ĉielkolora, lazura. Blua kiel cejano /centaurea cyanus/, kobalto, safiro, turkiso. Bluo: blua koloro aŭ kolorilo. Prusa bluo, marista bluo. Bluaĵo: io blua, blua makulo, blua parto. Bati bluaĵon al iu. Bluaĵo sub la okulo.

Blufi /ntr/. Fanfaroni por trompi, ĉarlatani. Ĉio estas nur blufo.

/Daŭrigota/

Ni partoprenis la S o m e r a n E s p e r a n t o - T e n d a r o n !

Forpasis la someraj ferioj kaj kun la nova lernejjaro komencis sian laboron ankaŭ Esperanto-rondeto en Žitavce apud Vráble en Slovakio.

La SET-on en la Moravia Lančov partoprenis 11 personoj el nia rondeto.

La geknaboj estis tre kontentaj kaj kelkaj jam deklaris, ke ili ankaŭ venontjare vizitos ĝin por fari la sekvan ekzamenon.

Mi mem anonciĝis por D-ekzameno, kiun mi faris eminente. Sed mi volis ankaŭ ripozi, tamen eĉ ĉi tie mi ne povis, ĉar la duan tagon post nia alveno oni petis min, ke mi gvidu kaj instruu grupon da hungaraj 15-17-jaraj geknaboj. Kion fari? Mi promesis helpi kaj konscience ĉiujn por B-ekzameno. Ĉiuj estis tre diligentaj kaj mi ankaŭ per tiuj ĉi linioj volas esprimi al ili mian plenan kontenton kaj grandan ĝojon, kiun ili certigis al mi per sia persisto kaj belegaj respondoj dum la ekzamenoj. La tutan grupon mi ekamis kaj kiam ĝi adiaŭis min, mi preskaŭ sentis doloron, kian ni havas, kiam foriras de ni homoj proksimaj kaj sinceraj.

Sed ankaŭ mia grupo surprizis min per sia bonega laboro. Eva Gajdošíková faris B-ekzamenon eminente kun laŭdo, Georgo Mészár A-ekzamenon eminente kun laŭdo, Stefano Mészár, Ludoviko Cagan, Ivanka Kováčiková kaj Marian Husár tre bone. Nur du knaboj ricevis la noton "kontentige".

Plaĉis al mi, ke ĉiuj tendaranoj kondutis modele, preskaŭ ĉiuj lernis diligente kaj klopodis fari la ekzamenojn kiel eble plej bone. Tion konstatis ĉiuj instruistoj kaj gvidantoj kaj s-ano Profesoro Kilian, kiu observis nian laboron.

Bonhumoro regis de vekiĝo ĝis enlitiĝo. Post la instruhoroj eksonis senĉesa kantado en tendoj, en la arbaro kaj eĉ vespere ĉe la tendarfajro. Ankaŭ la vetero estis ĝenerale bona, do ni povis instrui en la libera naturo. La knaboj eluzis la posttagmezon por banado kaj boatado. La knabinoj estis pli diligentaj kaj ĉiun liberan tempon eluzis por prepariĝi al la ekzamenoj.

La du semajnoj rapide forflugis. La plimulto da tendaranoj forveturis jam sabate matene, sed mia grupo helpis al s-ano Sittauer malmunti la tendojn. En la vagonaro la geknaboj ludis, babiladis Esperante kaj kantis Esperantajn kantojn. La kunvojaĝantoj montris ĝenerale intereson kaj demandadis, kie ili lernis la lingvon, ĉu ĝi estas facila ktp. Maljuna kamparanino diris al mi, ke ŝi kun sia nepino ĉiam aŭskultadis la kurson de Esperanto en Radio Bratislavo, kvankam ŝi tute ne komprenas la lingvon.

Tibor Gaál

P I E S O K

Esperanto-rondeto en Piesok /distrikto Banská Bystrica/, funkcias jam 3 jarojn. Ĝi estiĝis en la Hron-valo, kie la ideo de Internacia Lingvo neniam estis sufiĉe bone konata. Nun mi volas informi pri la agado de la rondeto en la lasta lerneja jaro /septembro 1967 - aŭgusto 1968/. La rondeto arangis kurson por komencantoj /11 partoprenintoj/ kaj por progresintoj /8 partoprenintoj/. En preskaŭ ĉiuj renkontiĝoj en Slovakio partoprenis jam rondetanoj el Piesok, kaj tio estas nature plezuriga konstato. En aprilo 1968 ni prezentis la FIAT-filmon 3-foje en Piesok kaj en ĝia ĉirkaŭaĵo. Kun vera ĝojo ni konstatis, ke nia rondeto, en vilaĝo, kies nomo tute ne estas trovebla sur la geografia karto de nia Respubliko, konkuras en la nombro da abonantoj por "Informoj" kun kluboj en grandaj urboj!

Sukcesa estas ankaŭ nia kunlaboro kaj helpo de nia rondeto al junaj esperantistoj en la urbo Brezno, kie ekestis nova rondeto en la Domo de Pioniroj kaj Junularo. Dank al la fervora laboro de s-anino Kachničová, kiu gvidas la rondeton, la SET-on en Lančov partoprenis 11-membra grupo por tie diligente lerni Esperanton.

En majo 1968 nian rondeton vizitis esperantistoj el eksterlando: geedzoj Köster el Rostock kaj niaj rondetanoj havis la eblecon konvinkiĝi pri la facileco de Esperanto en praktika uzado. Dank al la invito de Pariza esperantisto mi havis okazon viziti Parizon dum julio 1968. Mia lasta eksterlanda gasto estis s-anino Lenke Kun el Szeged, Hungario, kiu partoprenis la Esperanto-Someron en Piešťany kaj poste pasigis kun ni kelkajn tagojn. Nia rondeto kunvenos denove la 9-an de septembro, por organizi multnombran grupon al E-renkontiĝo en Dudince. D-ro V. Nekuda

Rim. de la red.: kiel D-ro V. Nekuda nin sciigis persone, aŭtune resp. jarfine li translokiĝos en la Moravian metropolon Brno, kie aŭ en kies ĉirkaŭaĵo li daŭrigos sian praktikistan profesion. Ni vere treege bedaŭras lian foriron kaj dankas al li kaj al lia Moŝta edzino plej sincere pro ilia oferema laboro en tutslovakia, ja eĉ tutŝtata mezuro, same kiel ankaŭ pro ilia afabla, sincera amikeco!

**Priateľské stretnutie esperantistov s aktívom Porad. zboru pre esp. pri KOS v B. B. bude v dňoch 14. a 15. septembra 1968 /v sobotu a nedeľu/ v DUDINCIACH, okr. Zvolen!**

Program na sobotu 14. septembra 1968:

Do 16. hod. príchod a kúpanie sa v termálnom bazéne Čs. štát. kúpeľov /plavky si doneste/. O 16. hod vychádzka na kúpeľný vršok s výkladom o zaujímavostiach /pozostatky po rímskych kúpeľoch, prírodné krásy atp.,/ návšteva viníc s ochutnaním prírodného vína z pivnice/. O 18. hod. spoločná večera v reštaurácii čs. štát. kúpeľov, potom privítanie hostí, príhovory a kultúrny program.

Program na nedeľu 15.9.1968:

Od 7.30 raňajky, bazár, potom aktív Poradného zboru pre esperanto v Stredoslovenskom kraji pri Krajskom Osvetovom stredisku v Banskej Bystrici. Od 10 hod. opäť voľné kúpanie v term. bazéne. O 12. hod obed a voľný program.

Ubytovanie turistické za 10-12 Kčs, pri dlhšom pobyte i v súkromných bytoch, ba i v sanatóriu "Hont", tu však treba objednať písomne vopred.

Pobyt si môžete predĺžiť, ba i skorej prísť. Prihlášky na ubytovanie a stravu pošlite hneď na adr.: Ernest Váňa, DUDINCE, okres Zvolen. Ĝis revido en Dudince!

## Č o n o v é h o v M a r t i n e ?

Prvá septembrová schôdzka E-klubu pri DK ROH Turč. strojární v Martine bola v stredu 4.9. v Dome kultúry o 19 hod. Bolo nás vcelku síce len 10, jednako to bol začiatok veľmi potešiteľný, lebo prišlo i 7 absolventov ZDŠ na Medveckého a na Bernolákovej ulici, teraz už žiaci Strednej školy na Medveckého ul. Už na prvej schôdzke sme si určili pevný pracovný program: 1. konverzácia a zostavovanie inform. letáka, 2. vybavovanie korešpondencie, 3. nácvik piesní a recitácie. Potom schôdzka klubu.

**Ako sa odvďačiť svojim zahraničným korešpondentom, je Vaša stála otázka!**

Práve vyšiel esperantský preklad modernej divad. hry Jána Kákoša "Mohajra plejdo", grotesko en 2 partoj, v preklade Ed. V. Tvarožka, brošovaná s viacfarebnou obálkou /cena Kčs 13.-/, v knižnom formáte. Je to pekná ukážka modernej slovenskej literatúry, vhodný darček pre Vašich priateľov v zahraničí, hra moderná obsahom i spracovaním, plná prekvapujúcich zvratov, ktorá mala úspech nielen doma, ale i vo viacerých cudzích krajinách. Objednávky vybaví obratom DILIZA, Ul. Čs. armády 31/III. Bslava

ČESKOSLOVENSKO 20 h NITRA

E S P E R A N T O
p o ŝ t f a k o 80
MARTIN, ČSSR - Ĉeĥoslovakio

I. Pola Radio
ul. Uphagena 1
Gdańsk 6
Polsko

!! I M P R I M É S !!

Otvorená listová zásielka!

/Redaktis, tajpis kaj dissendis D-ro Ludoviko Izák, Martin/

OKSM 616/68 1524-1533

Interŝanĝu por niaj Programoj!